


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2008.3**



*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# *Historia libreto okaze de la*

# *100 jariĝo de IFEF*

***Jam ekzistas tri historiaj libretoj de IFEF memorigantaj ĝian movadon ĝis la jaro 1999. Sed ĉu ne estus interese kolelti la memoraĵojn de la nuna epoko (1999-2009) kaj eldoni novan historian libreton cele al konservi papere la IFEF-okazintaĵojn?***

***IFEF-estraro proponas, tiucele, malfermi fonduson. Pro tio, estus necese havigi sumon de 5 000 € por la realigo de du-tri-centpaĝa dokumento eldonota tri cent ekzemplere.***




***Por ke ni havu kompletan bildon de la IFEF-movado dum 100 jaroj, helpu la realigon de tiu projekto :***

- ***per la kolekto de viaj enlandaj arkivoj,***
- ***per financa helpo al tiu fonduso (bonvolu sendi monhelpon al nia kasisto kun mencio de la fonduso).***

**Frontpaĝe.**

Dum la 49-a IFES en Braŝovo, la rumana teamo gajnis la unuan premion. S-ro Martin Stuppning transdonis belan pokalon, kiun ofertis s-ro Erich Kessler urbestro de lia aŭstra urbo Arnoldstein. Vidu raporton en paĝo 54.

## Enhavo

60-a Internacia Fervojista Esperanto - Kongreso




Pollando, Poznano
17-24 majo 2008

  

# Nia venonta 60-a IFEF-kongreso en Pollando

## Turismaj allogaĵoj dum la kongreso

**Kion ni vizitos post la 60-a IFEF Kongreso?**

*Postkongresa ekskurso al Bialistoko kondukos nin tra belegaj kaj interesaj regionoj de Pollando. Ni vizitos la lokojn kunligitajn kun komenco de la pola ŝtato kaj lokojn, kie naskiĝis kaj vivis grandaj poloj - Nikolao Kopernik kaj Ludoviko Zamenhof.*

La plej gravaj urboj troviĝantaj sur nia vojo :

***Toruń*** estas belega kaj malnova urbo situanta ĉe la rivero Vistulo. Ĝi apartenas al la vojevodio Kujavio-Pomerio. La urbo fondita en la jaro 1231 estis la unua loko de la ordeno de Kruckavaliroj. Dum la mezepoko, la urbo apartenis al la komerca ligo Hanso. Granda ekonomia kaj komerca disvolviĝo de la urbo sekvis en la 14-a jarcento. En 1473 en Toruno naskiĝis la fama astronomo Nikolao Kopernik.

Nuntempe en la urbo funkcias granda industri-scienca centro kunlaboranta kun la Universitato.

***La gotika urbodomo*** nome de Nikolao Kopernik. En la universitato, de multaj jaroj, agas esperantistoj, ĉefe studentoj. Inter ĉefaj antikvaĵoj de Toruno, apartenas la gotika urbodomo ĉe kiu staras la monumento al Nikolao Kopernik. Rande de la malnova urboplaco ni povas rigardi gotikajn brikdomojn, kaj speciale interesa estas domo "Sub ŝtelo" kun baroka fasado. Ni ankaŭ povas viziti du preĝejojn dediĉitajn al Sankta Maria Virgulino kaj al Sankta Johano, sur kies turo troviĝas dua, laŭ la grandeco en Pollando, sonorilo nomata "Tuba Dei". En 1997 tiu malnova urboplaco kaj ruinaĵoj de la Kruckavalira kastelo estis enskribitaj sur la liston de la Monda Kulturheredaĵo de UNESCO.

***Olsztyn*** estas ĉefurbo de la pola provinco Varmio-Mazurio. La nomo devenas de la rivera Lyna (Allé) post transformiĝo el germana (Allenstein). La urbo bele situas en regiono de lagoj kaj arbaroj. Ene de la administraj limoj de la urbo kuŝas 13 lagoj, kaj multaj pliaj en la ĉirkaŭaĵo. Arbaroj okupas kvinonon de la urba teritorio. Olsztyn troviĝas 87 km-ojn distanca de la rusa landlimo kaj 140 km-ojn de Kaliningrado. La urbajn rajtojn ĝi ricevis en la jaro 1353 danke al episkopo de *Érmland*. En la jaro 1466, la dua packontrakto subskribita en Toruń konfirmis, ke Olsztyn estas la ĉefurbo de la pola provinco *Warmia*. Inter 1516 kaj 1521, Nikolao Kopernik estis la administratoro de Varmia Kapitulo. En la jaro 1712, Olsztyn estis aneksita

de Prusio kadre de dispartigo de Pollando. La pola nomo Oisztyn funkcias denove ekde la 1945-a jaro. Plej gravaj antikvaĵoj, ni havas la mezepokan, "malnovan" urbodomon ĉe la bazara placo, mezepokajn urbomurojn kaj la "Grandan Pordegon", kastelon de Varmia Kapitulo kun "***La Granda Pordego***", multajn historiajn kaj etnografiajn kolektojn, gotikan preĝejon al sankta Jakobo kun riĉa ekipaĵo kaj astronomia observejo en eksa akvoturo konstruita en 1897. En Oisztyn vigle agas esperantistaj organizaĵoj.

***Malbork*** urbo en Pomerio estas la sidejo de la ĉefurbo de distrikto. La urbo ĉiujare estas vizitata de duonmiliono da turistoj. Allogas ilin interalie la ege interesa triparta, ruĝbrika kastelo, situanta sur la dekstra bordo de Nogat-rivero, agnoskita en 1994 kiel historia monumento kaj en 1997 honorigita per la enskribo sur la liston de la Monda Kulturheredaĵo de UNESCO.

Malbork ekde 1307 estis la sidejo de la Ordeno de germanaj kavaliroj. La belega, granda kastelo de la ordeno estis grave damaĝita dum la Dua Mondmilito, sed poste restaŭrita. Nuntempe ĝi estas la ĉefa turisma allogaĵo de la urbo.

Pro tio, ke en Malbork alvenas multaj konataj homoj el la mondo, i.a. Nobel-premiitoj, diplomatoj, parlamentanoj, politikistoj, sciencistoj kaj kultur-aktivistoj, kiuj estas esperantistoj aŭ apogantoj de la ideo de interkompreniĝo kaj de la pontlingvo Esperanto, la loka E-klubo, kiu havas nomon "Kastelo" kune kun la Urba Konsilantaro alprenis la ideon krei la unikan "Parkon de la Mondo". Ekde la jaro 2000, multaj eminentuloj plantis en la parko siajn arbetojn kaj malkovris la E-memorŝtonojn, ĉiu nome de sia propra lando. Tio estas komuna kontribuo por proksimiĝo de la nacioj, antaŭ la plivastigo de Eŭropa Unio.

Nuntempe apud plantitaj arboj staras jam pli ol tridek ŝtonoj kun surskriboj el diversaj landoj de la tuta mondo. Dum nia postkongresa ekskurso ni vizitos la "Parkon de la Mondo", kie okazos solena malkovro de la memorŝtono de IFEF kaj apude estos plantita la IFEF-kverko.

***Bialystok*** - la lulilo de Esperanto, urbo, kie la 15-an de décembro de la 1859-a jaro naskiĝis Ludoviko Zamenhof. La urbo estas la plej granda en la nord-orienta parto de Pollando, ĉefurbo de Podlahia Vojevodio ĉe la rivero Biata. Ĝi estas administra, ekonomia, scienca kaj kultura centro de la regiono kiun oni nomas "Verda Pulmo de Pollando".

La unua skriba mencio pri Bjalistoko devenas de la 15-a jarcento, kiel litova vilaĝo de la familio Wiesiolowski, kiu konstruis tie masonitan preĝejon kaj palacon.

Sekvaj posedantoj de la vilaĝo estis la hetmano Stefan Czarniecki. Poste, tie estis konstruita la *palaco Branicki*. Veran plukonstruon de la urbo komencis *Jan Klemens Branicki*, la granda reĝa hetmano, krakova kastelmastro, la unua laika senatoro de Pola Respubliko. La bialistoka palaco estis alie konstruita

kiel rezidejo nomata "Versajlo de la Nordo". Ĝuste, tiu ĉi palaco kaj parko estas plej gravaj kaj vizitindaj antikvaĵoj en la nuntempa urbo. Krom tio en la urbo troviĝas aliaj vizitindaj objektoj: urbodomo kun foirplaco, ortodoksa preĝejo al sankta Nikolao la Miraklo-faranto, katedralo al Plej Santa Virgulino, moderna preĝejo al Kristo la Reĝo.

En la urbo troviĝas multaj objektoj ligitaj kun la esperanta movado: la tabulo, kiu memorigas la domon en kiu naskiĝis L. Zamenhof, monumento al L Zamenhof, la memortabulo sur muro de iama gimnazio, en kiu lernis Zamenhof, familia domo de Jakobo Sapiro kaj la memortabulo pri la Bjalistoka Esperanto-Centro, porinfana kliniko je la nomo de L. Zamenhof, kie troviĝas la aŭskultantara salono nomita "Salono Esperanto" kaj malgranda ekspozicio pri la patrono. En 1993 Bahaa Esperanto-Ligo fondis kaj financis tie la ĉambron por fizika ekzercado je la nomo kaj kun tabuleto de Lidja Zamenhof.

Ekzistas du novaj bjalistokaj stratoj: *Esperantystôw* kaj *Antoniego Grabowskiego* kaj historia muzeo, kiu kelkfoje preparadis ekspoziciojn pri Zamenhof kaj enhavas multajn memoraĵojn pri Bjalistoko de la Zamenhofa epoko.

(*parte eltirata el Vikipedio)*

*El la pola revuo Verda Lumo n° 9*



## Tagordo por la kunveno de FK dum la 60-a IFK en Poznano

1. Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj sekcioj.
4. Fakaj programeroj dum la 60-a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programeroj dum la 61-a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualaĵoj (sub tio, korektado de la adreslisto).

# La informo de la Loka Kongresa Komitato de la 60-a IFK

La LKK de la 60-a Internacia Fervojista Kongreso en Poznano informas pri programo kaj preparoj por la 60-a Internacia Fervojista Kongreso. Nun aliĝis pli ol 140 personoj el 18 landoj de Europo kaj Ĉinio. Ni estas preparitaj gastigi pli ol 300 partoprenantojn. Dum la maja semajno ni priservos ĉiujn diverstipajn programerojn. Do, krom oficialaĵoj dediĉitaj al la movado kaj fakaj prelegoj, estos multe da tempo por turismo kaj kulturo. Ni faros ĉion, por ke gastoj havu alternativajn elektojn, por ke neniu enuu.

La fervojistaj esperantistoj estas scivolemaj pri novaj lokoj, kaj la IFEF-estraro por kongresi ĉiam elektas novan regionon kaj novan urbon. Do, fervojistaj esperantistoj jam de preskaŭ 100 jaroj manifestas sian faratecon en novaj ĉirkonstancoj. Feliĉe, kongreso la 60-a estas por Poznano.

Post mirigaj Parizo kaj Shanghajo ni ofertos Poznanon – urbon kaj grandpolian regionon, kie 1000 jarojn antaŭe vekiĝis pola nacieco kaj formiĝis pola ŝtato.

La vetero post la 15-a de majo en Grandpolio plej ofte estas suna kaj milda, do ni volonte preparis diversajn ekskursojn. La tuta naturo kaj precipe floroj burĝonas. Ne estas hazardo, ke IFEF-anoj preferas kongresi dum majo.

Alloge prezentiĝas kultura programo, elektita per Kultur-Socia Societo nome de L. Zamenhof „E-senco”. Ili proponas multajn lokajn kaj eksterlandajn ofertojn. La “E-Senco”, estas ege sperta kiel kultura impresario; ĉiujare, septembre, ĝi organizas Artajn Konfrontojn en Esperanto "ARKONES" en Poznano. Dum la maja semajno vi certe ekaŭdos koruson "Hasło", la ensemblon "Wiekopolska" kaj ankaŭ konatajn polajn esperantistajn artistojn kiel Jerzy Handzlik kaj Zuzanna Kornicka.

La kongreso kiel kutime komenciĝos **sabate** la 17-an de majo 2008. Ni invitas al interkona vespero en apuda klubejo “ALIBI”. Dum la sabata nokto simile kiel en aliaj Eŭropaj urboj okazos "*Nokto de muzeoj”*, kiam preskaŭ ĉiuj muzeoj en Poznano estos malfermitaj kaj senpagaj.

**Dimanĉe,** dum la solena inaŭguro oni aŭskultos krom la himno „La Espero” ankaŭ kantojn de diversaj nacioj en esperanto. Prezentiĝos merita fervojista koruso „Hasło” gvidita de dirigento Henryk Górski.

Posttagmeze ĉiĉeronoj gvidos gastojn laŭ reĝ-imperiestra itinero tra Poznano. Vespere, dum la sankta meso en la proksima templo –"Kristo Savanto" ĉe strato Fredry, la koruso “Hasło” kantos religiajn kantojn. Dum posta nacia vespero en la NOT-salono ludos kaj dancos la ensemblo „Wielkopolska” kaj ĝi prezentos la regionajn dancojn kaj kantojn.

**Lunde,** ni proponas duontagan vojaĝon per trajno al Wolsztyn, kie oni povas miri 100-jaran muzeon kaj samtempe funkciantan vapor-lokomotiv-deponejon. Tie ĉi oni ankoraŭ pretigas vaporlokomotivojn

por ĉiutagaj servoj sur la fervojaj linioj

**Marde,** en salono NOT, okazos publika debato pri IFEF movado. Poste, la tempo estas dediĉita por nova fervoja tekniko. Ni planas fakajn prelegojn kaj viziton al ĵus modernigata nova poznana fervoja nodo. Oni povos viziti plej novan aŭtomatikan komputilan regejon por stiri poznanan fervojan nodon. Ĝuste ĉijare, finiĝos la 3- jaraj laboroj por modernigo de la fervoja nodo en Poznano laŭ fervoja linio E-20.

La plej gravajn lokojn kiujn ni vizitos **merkrede** estos Gniezno kaj antikvaj Biskupin kaj Lednica. Tion ni miros dum la merkreda ĉiutaga ekskurso. Ne mankos fervojaj atrakcioj – vizitinda estos la Muzeo en Wenecja apud Żnin, kie oni povas rigardi valorajn ekzemplerojn de etŝpura fervojo kiel vaporlokomotivojn, vagonojn kaj alian ilaron en la funkcianta stacio Wenecja.

Krom urbaj antikvaĵoj en Poznano oni **ĵaŭde** vizitos faman kastelon en Kórnik kaj apuda parko „Arboretum” kun florantaj azaleoj, kaj vidos interesajn objektojn en la apuda Grandopolia Nacia Parko. Post reveno el la duontaga ekskurso ni povos distriĝi dum la bankedo kaj internacia balo.

**Vendrede** ni prelegos kaj diskutos pri movadaj aferoj kaj ni prezentos *Triesto*-n - la urbon de la sekva kongreso. Vespere ni ankaŭ invitas al la speciala adiaŭa aranĝo.

**Sabate,** la 24-an de majo, bedaŭrinde multaj forveturos, sed por volontuloj komenciĝos la dua etapo kvintaga postkongresa ekskurso tra Toruno, Malborko, Olsztyn ĝis Bjalistoko. La ekskurso tutcerte okazos kaj ĝis nun aliĝis 26 personoj.

**Dimanĉe,** la 25-an de majo en Malborko, antaŭtagmeze, okazos en la Parko de Paco, solena malkovro de la speciala tabulo omaĝe al IFEF kaj de la memor-arbo: la kverko-plantado.

La sekva l**undo** estos por viziti urbon Olsztyn kaj por dumvoje spekti turismajn atrakciojn en la interliga regiono - Mazury. Vespere la buskaravano alvenos al Bjalistoko – la naskiĝurbo de Majstro Ludoviko Zamenhof. Bjalistoko estis elektita por la UK en la jaro 2009. Vicprezidanto de Bjalistoko, persone, oficiale, invitis, dum la lasta PEFA jarkunveno, la fervojistajn esperantistojn kongresi en Bjalistoko.

La **marda** programo de la restado en la urbo estas ege riĉa kaj sufiĉas mencii ekskurson al la muzeo en apuda Supraśl kaj vizitado de la palaco de la familio Branicki. Ne mankos certe renkontiĝo kun urbaj instancoj de Bjalistoko.

**Merkrede,** 28-an de majo, bedaŭrinde, matene, la post-kongresanoj veturos perbuse al Varsovio por kapti trajnojn kaj aviadilojn.

La LKK konfirmas laŭplanajn preparojn al la 60-a IFK kaj al la Postkongreso kaj konkordon kun programoj prezentitaj en la aliĝiloj. La marŝalo de la supera ĉambro de la pola parlamento esprimis la volon honore protekti la 60-an Internacian Fervojistan Esperanto-Kongreson en Poznano.

En la nomo de LKK de la 60-a IFK

*Wiesław Libner*

# Printempa IFEF-estrarkunveno en Aspet (Francio)

Post kunveno en Budapest (Hungario) okaze de la aŭtuna IFEF-estraro, la partoprenantoj de la printempa IFEF-estrarkunveno kuniĝis en Aspet. Malfeliĉe, pro tro longa kaj malfacila vojaĝo, niaj gekolegoj Marica Bretlic sekretariino kaj Jindřich Tomíšek ĉef-komitatano ne ĉeestis. Kvankam ili rilatis rete kun siaj kolegoj, tamen mankis la spertoj de niaj kolegoj.

IFEF-estraranoj elektis tiun lokon pro la okazigo de la nacia kongreso de la francaj fervojistoj en tiu regiono. Tiel IFEF-estraranoj profitis la etoson, la diversajn programojn turisman kaj kulturan. Kontraŭe, la kongresanoj oportune ricevis interesajn sciojn pro la prelegoj faritaj de nia prezidanto d-ro Romano Bolognesi kaj de nia vic-prezidanto inĝ István Gulyás.



*Romano Bolognesi*

La prelego de Romano Bolognesi instigis nin al pripenso al la ĉielo. Temis pri la "Meridiana linio ekzistanta en sankta Petronjo en Bologna". De pli ol 350 jaroj, tiu mirinda scienca instrumento, samtempe kuriozaĵo, estas la plej longa meridiana linio en la mondo interne de konstruaĵo.

Poste, unue, István Gulyás invitis nin al pli bonaj scioj de la Universala Esperanto-Asocio (U.E.A.) kaj de IFEF. István rememorigis al ni la celojn de U.E.A. kaj detale elvokis la diversajn rilatojn de la organizo kun ties landaj asocioj aliĝintaj aŭ ne al U.E.A., (sed ankaŭ de la fakaj asocioj el kiuj IFEF).

En dua parto, la preleganto aludis al la starigo de IFEF farita de la franca kolego Armand Berlande, kiu en 1909, okaze de la 5-a Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono kun dek unu fervojistoj el sep landoj fondis nian federacion.

Ĉefaj taskoj de la estraroj koncernas la vivon de nia federacio, pro tio jaŭde, la tutan tagon ni okupiĝis pri administrado de nia movado. Dum la estrarkunveno, la plej gravaj punktoj estis diskutitaj. Ili temis pri la lasta IFK en Parizo kaj la venonta en Poznan. La responsuloj debatis la venontajn agadojn kaj pripensis la malfacilajn situaciojn en kelkaj landoj. Sekvis la analizo de niaj eksteraj rilatoj (UEA, FISAIC).

Krom tiu oficiala tasko, estraranoj ĝuis la belecon de la regiono, la ripozon en tiu kampara vilaĝo, eĉ nokte la firmamenton pro la mallumo.

Vere ni pasigis agragrablan restadon en Aspet kaj IFEF-estraranoj varme dankas la kontribuantojn.

*La redaktoro*

# Organizaĵo de UEA

*En Aspet, nia vicprezidanto István Gulyás prelegis pri organizaĵo de UEA kaj pri la loko de IFEF en la kadro de la internacia Esperanto-movado.*

*Pro manko de libera loko en la revuo, nur la parto "Organizo de UEA" aperas. La lastan parton, vi legos poste.*

La Universala Esperanto-Asocio estis fondita la 28-an de aprilo 1908; do, post kelkaj semajnoj, ĝi festos sian centjaran jubileon.



István Gulyás

La celo de la Asocio estas:
- Disvastigi la uzadon de la internacia lingvo Esperanto,
- Agadi por la solvo de la lingva problemo en internaciaj rilatoj,
- Pligrandigi ĉiuspecajn spiritajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj,
- Kreskigi inter membroj la solidarecon, komprenemon kaj estimon,
- Agadi por la paco per Esperanto en la tuta mondo.

UEA havas kunlaboran kontrakton kun Unesko. La ĝenerala konferenco de Unesko en 1954 agnoskis, ke la rezultoj de la lingvo Esperanto kongruas kun la celoj kaj ideoj de Unesko. Pro tio, estiĝis oficiala kunlaboranta inter-rilato inter Unesko kaj UEA. En la jaro 1977 dum la 62-a Universala Kongreso de Esperanto, la ĉefdirektoro de Unesko alparolis, kaj li esprimis estimon por la Esperanto-movado. En 1985 la ĝenerala konferenco de Unesko, en du rezolucioj petis la membro-statojn kaj internaciajn organizaĵojn, por ke ili helpu la instruadon kaj la uzadon de la lingvo Esperanto. UEA reprezentiĝas en multaj kunvenoj de Unesko kun kvar komisiitoj, inter ili s-ino Triolle el Francio. Unesko anoncis, la jaron 2008, kiel „Internacia Jaro de Lingvoj". Kadre de tiu temo, UEA kontinue donas konsilojn kaj proponojn al Unesko, eĉ ĝi establis neformalan komitaton - "Scienca Komitato de UEA" - por difini programeron por la organizita simpozio kun la titolo "Lingvaj rajtoj en la tuta mondo : la nuna situacio" planita en UN-sidejo en Ĝenevo en aprilo 2008.

UEA estas en specialaj konsultaj rilatoj kun Unuiĝintaj Nacioj. Ĝi re-prezentiĝas en multaj kunvenoj de UN, kaj flegas kontaktojn kun la landaj UN-misioj. Ĉe UN en New York UEA havas 2, en Ĝenevo 4 kaj en Vieno ankaŭ 4 komisiitojn.
UEA havas konsultajn rilatojn kun UNICEF kaj kun aliaj internaciaj organizaĵoj.

UEA havas 67 aliĝintajn landajn asociojn (interalie Unuiĝon Francan por Esperanto, Germanan Esperanto-Asocion, Hungaran Esperanto-Asocion ktp). Krom tio ekzistas 30 organizaĵoj, kiuj ne havas formalajn ligojn kun UEA, nur kontaktadresojn (interalie Flandra Esperanto-Ligo, Esperanto-Asocio de Skotlando, Kataluna Esperanto-Asocio ktp).

UEA havas entute 41 fakajn asociojn por diversaj profesioj, mondkonceptoj, ŝatokupoj ktp. Sep asocioj el ili aliĝis al UEA (Blinduloj /LIBE/, Ekonomistoj / IKEF/, Fervojistoj /IFEF/, Filatelistoj / ELF/, Instruistoj /ILEI/, Medicinistoj / UMEA / kaj Sciencistoj /ISAE/). 34 fakaj asocioj havas kunlaborantajn kontraktojn kun UEA (interalie Eŭropa Demokratio Esperanto /EDE/, Filozofia Asocio Tutmonda /FAT/, Asocio de Esperantistaj Handikapuloj /AEH /, Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio / TEĴA/, Muzika Esperanto-Ligo /MEL/, Internacia Naturkuraca Asocio /INA/, Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista / IKUE/ ktp). 35 fakaj asocioj ne havas formalan ligon kun UEA (ekz. Internacia Agrikultura Esperanto-Asocio /IAEA/, Budhana Ligo Esperantista /BLE/, Tutmonda Ekumena Ligo /TEL/, ktp).

UEA havas junularan sekcion, kies nomo estas Tutmonda Esperantista Junulara Organizo /TEJO/. La sidejo kaj administrejo de TEJO estas ĉe la Centra Oficejo de UEA. TEJO havas 44 landajn sekciojn en kvar kontinentoj kaj tri fakajn sekciojn. En la fino de la pasinta jaro TEJO havis pli ol 500 individuajn, kaj 2900 asociajn membrojn.

La administradajn, kunordigajn, informadajn, financajn, libroservajn, redaktajn kaj kongresarangajn taskojn faras la Centra Oficejo de UEA, kiu rezidas en Roterdamo. La domo de la CO apartenas al UEA. La CO havas 9 oficistojn, kaj 6 volontulojn. La ĉefdirektoro estas Osmo Buller. La CO plenumas tiujn taskojn, kiujn la komitato kaj la estraro de UEA decidas dum la Universalaj Kongresoj.

La CO prizorgas la fondaĵojn - momente ekzistas 15 fondaĵoj - la centran bibliotekon - unu el la plej grandaj Esperanto-bibliotekoj en la mondo kun pli ol 20.000 libroj, kaj krome ampleksa kolekto da periodaĵoj, foto-arkivo, son-dateniloj. - la delegitan reton - pli ol 1700 delegitoj estas el ĉiuj mondpartoj - kaj aliajn movadajn temojn..

Ĉiun trian jaron, la estraron de UEA elektas la komitato de UEA. La nunan estraron la komitato elektis en la pasinta Universala Kongreso en Jokohamo. En la nova estraro - bedaŭrinde - nur unu estrarano restis el la antaŭa estraro, nome s-ino Claude Nourmont el Luksemburgio. Mi, kiel komitatano "A" de IFEF ĉe UEA regule ricevas sciigon perrete aŭ perletere de la estraranoj de UEA, kaj mi povas konstati, ke la novaj estraranoj ne tro bone konas siajn plenumendajn taskojn, la rimedojn, eblecojn kaj la enhavojn. Laŭ mia opinio mankas la kontinueco en la laboro de la estraro. La novaj estraranoj ne havas spertojn, interrilatojn kaj ili vivas dise en la mondo. La nova prezidanto de UEA

estas profesoro Probal Dasgupto el Hinda Unio, unu vicprezidanto s-ro Ranieri Clerici el Italio, la alia s-ino Claude Nourmont el Luksemburgio, la ĝenerala sekretario estas s-ino Barbara Pietrzak el Pollando, la estraranoj s-ino Loes Demmendaal el Nederlando, s-ro Hori Jasuo el Japanio kaj s-ro Jose Antonio Vergara el Ĉilio.

La komitato de UEA estas la supera organo de UEA. Ĝi kunsidas ĉiujare dum Universalaj Kongresoj, kaj laboras perrete dum la cetero de la jaro. La komitatanoj havas trijaran periodon. Mi jam estas komitatano ĉe UEA ekde 1980. Ekzistas:

- Komitatano „A", kiun nomas la aliĝantaj landaj asocioj, kaj aliĝantaj fakaj asocioj
- Komitatano „B", kiun elektas la individuaj membroj de UEA
- Komitatano „C", kiun elektas la komitatanoj de UEA.

Nun deĵoras 52 „A", 5 „B", kaj 11"C" komitatanoj, entute 68 personoj.

UEA havas aliĝitajn (alinome asociajn) kaj individuajn membrojn. La aliĝitaj membroj estas tiuj de aliĝintaj landaj kaj fakaj asocioj, kiuj ne estas individuaj membroj de UEA. Por ili, la landaj kaj fakaj asocioj pagas la kotizon. La individuaj membroj de UEA mem pagas la jarkotizon. Momente UEA havas preskaŭ 12.000 aliĝitajn membrojn en 67 landoj kaj en 7 fakaj asocioj. La nombro de la individuaj membroj en 117 landoj estas 6.000.

UEA ĉiujare organizas kongreson. La Universala Kongreso de Esperanto estas internacia manifestacio de la esperantistaro. Ĝi okazas ĉiujare en malsama lando. La kutimo estas, ke du kongresoj okazas sinsekve en Eŭropo, kaj poste unu okazas ekster Eŭropo. Krom la laboraj partoj de la kongreso (komitatkunsidoj, prelegoj, kunvenoj ktp) ekzistas kulturaj, distraj kaj ekskursaj programoj, same kiel en la IFEF-kongresoj. La unua Universala Kongreso okazis en la jaro 1905 en la franca urbo Boulogne sur Mer, en kiu urbo ni komune festis la centjariĝon de la unua UK antaŭ tri jaroj. En la pasinta jaro okazis la 92-a UK en Japanjo, en la urbo Jokohamo. Pri la kongreso vi povos aŭskulti prelegon fare de Jeanine Garston laŭ la programo. Ĉi-jare la 93-a UK okazos en Roterdamo, la 94-a verŝajne en Bialistoko (Pollando) kaj probable la 95-a en Moskvo, aŭ en Kubo laŭ la lasta sciigo de la Centra Oficejo. Dum la Universalaj Kongresoj ni fervojistoj ĉiujare organizas fervojistan kunvenon, eĉ multfoje fakan ekskurson.

UEA agadas preskaŭ en ĉiu tereno de la pacmovado, pro tio inter multaj kandidatoj por Nobel-premio pri paco ankaŭ UEA troveblas pro sia centjara porpaca aktivado. Estas ĝojinde, ke svisaj parlamentanoj subtenas kaj proponas tion.

Mi ankoraŭ povus paroli pri la agadoj de UEA, ekzemple pri la scienca kaj terminara laboroj, pri la kleriga kaj eduka aktivecoj, pri la kulturaj agadoj ktp, sed la tempo por mia prelego estas finita.

*En Aspet la 30-an de marto 2008*

*István Gulyás*

# La 49-a IFES en Rumanio - Braŝovo, 23-29.02.2008

De la 23-a ĝis la 29-a de februaro 2008 okazis la 49-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno (IFES) en Braŝovo - Rumanio. Menciinda estas la fakto, ke kvarfoje tian aranĝon (post 1994, 2002, 2007) organizis la rumanaj fervojistaj esperantistoj.

Partoprenis 28 esperantistoj el 4 landoj: Aŭstrio, Ĉehio, Hungario kaj Rumanio.

La organizantoj estis, ĉefe, la membroj de la braŝova klubo "Amikeco", kun gekolegoj de Bukureŝto kaj Sigiŝoara.

**Sabate**, la 23-an de februaro, ekalvenis la enlandaj kaj eksterlandaj gastoj kaj okazis la interkona vespero. La gastoj prezentis sin kaj siajn aktivaĵojn kadre de propra landa asocio.

Oni prezentis la salutvortojn senditajn de tiuj kiuj ne povis partopreni.

Kaj, kun larmoj en la okuloj, ni silentis unu minuton memore al nia kara amiko kaj fervora partopreninto en multaj skisemajnoj, Hilaire Happi-Fosso, kiu ĵus forpasis.

Partoprenis, nome de la Rumana Landa Sekcio de FISAIC (UAAIFR) s-ro STEFAN Mihai, kiu proponis kaj faciligis la akcepton de niaj gastoj en la sidejo de la Ĝenerala Direkcio de Fervoja Distrikto de Braŝovo.

La duan tagon, **dimanĉe,** la partoprenantoj konatiĝis kun la gastiganta urbo **Braŝovo** - la urbofortikaĵo ĉe la malsupro de la monto Tâmpa (960 m).

La multkulturaj tradicioj: germanaj, hungaraj kaj rumanaj, la pitoreska eksplodo de la naturo, la turistaj itineroj por ĉiuj gustoj(ekde facila promenado tra arbaro ĝis grimpado sur la deklivojn de la monteto kiun ĉirkaŭas la urbo), la skiado kaj glitado en la vintra sezono, la vilaĝa turismo pli kaj pli disvolviĝanta estas nur kelkaj eblecoj por pasigis neforgeseblajn momentojn.

Post agrabla promenado tra malnovaj kvartaloj, ni ĝuis mezepokan etoson en la salonoj de la fama restoracio "Cetate" ("Fortikaĵo"). Ĝi estas vizitinda ne nur pro ege bongusta tipa manĝaĵo kaj antikva vinkelo, kie eblas gustumi famajn rumanajn vinojn, sed ankaŭ pro ege bone konservita konstruaĵo de la malnova fortikaĵo (kiu protektis dum longa tempo la urbon kontraŭ la migrintaj popoloj) kaj pro ege bele prezentita eta





muzeo de popol-artaĵoj.

Posttagmeze okazis la karnavalo. Ĉiuj kunportis belegajn kostumojn prezentitajn ĉiu laŭvice. Ni admiris princojn kaj princinojn, koŭbojon, arabon kaj tataron, valeton kaj arlekenon, petoleman lernantinon kaj diligentan abelon, juĝiston kaj sportan trejniston, ktp. En gaja etoso, laŭ la balotado, la unuan premion oni atribuis al "La familio Flinstone", kiun prezentis Gabriella kaj Alexandru Tibuleac ("la geedza paro") kaj Cristina Aldesiu("la kato"). S-ro Martin Stuppnig disdonis donacojn kaj pokalon al la gajnintoj.



**Lunde** matene, nia delegacio vizitis la Ĝeneralan Direkcion de la Fervoja Distrikto de Braŝovo. La ĝenerala direktoro, s-ro ing. DICU Ionel, prezentis riĉajn informojn pri la kunlaborado inter la rumanaj kaj alilandaj fervojistoj kadre de EU kaj respondis al la demandoj de niaj gastoj.

Posttagmeze devus okazi skikonkurso, sed la manko da skiantoj devigis nin adaptiĝi al la nunaj cirkonstancoj...tiel ke ni proponis "sledan konkurson" en Poiana Braŝovo(fama banloko kiu situas 13 kilometrojn for de Braŝovo).



Ni luis sledojn kaj, rememorante pri nia infaneco, ni provis "stiri" ilin kiel spertuloj. La belega vetero kaj la sled-tereno kun sufiĉe da neĝo kontribuis al la sukceso de tiu programero.

Gajnis la unuan premion la rumana teamo. S-ro Martin Stuppnig transdonis belegan pokalon kiun ofertis s-ro KESSLER Erich, la urbestro de lia aŭstra urbo Arnoldstein.

En la vespero, iom lacaj sed kontentaj pro la bela tago kiun ni trapasis en freŝa aero, ni renkontis la membrojn de la klubo

"Amikeco".Rakontetoj, ŝercoj, anekdotoj, komunaj memoraĵoj varmigis la amikecan etoson...

**Marde** estis dediĉita al la tuttaga ekskurso.

La urbo **Sigiŝoara** (100 kilometrojn norde de Braŝovo) - atestita ekde la jaro 1191 - estas la nura fortikaĵo seninterompe enloĝata ĝis nun. La remparo estas tre bone konservita kaj la malnovaj stratetoj kaj domoj estas ege pitoreskaj.

Allogas la vizitantojn la Turo kun horloĝo, la "Domo kun cervoj" kaj la domo kie, laŭ la legendo, tranoktis Vlad Țepes (t.n. Drakula).

Ni havis tre bonan ĉiĉeronon. Nia kolego Grigore NASCA el Sigiŝoara montris al ni la plej interesajn vidindaĵojn kaj proponis por



tagmanĝi tipan manĝon de sia urbo...la "supon en pano"!...ne nur belaspekta, sed ankaŭ ege bongusta.

**Merkrede** oni ekskursis al Azuga, bela ripozloko en la Valo de Prahova, situanta inter la montoj




kovritaj de ĉiam verdaj abio-arbaroj.

Ni vizitis iaman famkonatan fabrikon de ĉampano "RHEIN", funkcianta ek de la jaro 1892. Ĉi tie oni eksciis pri la fabrikado de la ĉampano kaj ni gustumis la plej altkvalitajn ĉampanojn.

Poste, ni montris al niaj gastoj la lokon, kie okazis la pasinta skisemajno en februaro 2007. Nostalgie, ni revidis la hotelon Larisa kaj la skiterenon Sorica, kaj ni faris komunan foton rememorante la belegan semajnon de la pasinta IFES.

Vespere, s-ro Martin Stuppnig prezentis ege interesan kaj informriĉan prelegon pri la kvalitoj de la biero, kiu povas helpi al la homa sanstato. Kompreneble, ĉiuj partoprenintoj diligente provis sin ekzerci en tiuj "sanaj postefikoj"!

**Ĵaŭde** la organizantoj proponis surprizon! Nur kiam ni alvenis en la




Monaĥejon Brancoveanu, la gastoj eksciis pri ĉi-tiea ĉeesto de iu blinda monaĥo famkonata en Rumanio, Teofil Paraianu, kiu antaŭ de longe



lernis Esperanton per brajlo. Ĉiu jare, okaze de la Pasko, li preĝas per esperanta Biblio. Li ege afable rakontis la historion de la monaĥejo kaj disdonacis al ni, ĉiuj, sian lastan libron(el la 31 kiujn li verkis)... "Pensu bele". Vespere, s-ro Jindřích Tomíšek, ĉefkomitatano de IFEF, prezentis la venontan IFEF kongreson en Poznano, Pollando, kaj varbis pri la postkongreso okazonta en Bialystock.

**Vendrede** matene oni vizitis la Historian Muzeon de Braŝovo.
Pro la alproksimiĝo de la 1-a de marto, surprizis nin membroj de la



konsilantaro de nia urbo, kiuj donacis galantojn al ĉiuj virinoj de nia grupo... Estas kutimo ege ŝatata de la rumaninoj!




Posttagmeze la partoprenintoj forlasis nin, kaj reveturis hejmen, espereble kun belaj memoroj pri vintra semajno en montara regiono de Rumanio.

*Rodica TODOR*

# IFES / VIFES
## ◄ Braşov/RO 23. – 29.2.2008 ►

La fina frazo en la lastjara raporto - 48-a IFES - estis demando: Ĉu Rodica sekvos al Rodica?


*S-ro Martin Stuppning*

Jes, ŝi sekvis – eĉ modele kun ŝia loka teamo! Dankegon al ĉiuj! Ja denove pluraj landaj asocioj de IFEF rezignis, same lastmomente, ĉar la bazo – la skianta generacio - por la tradicia IFES (Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno) evidente ne plu ekzistas. Fakto estas, ke la strukturo de IFEF ne plu ebligas tiusencan agadon. Temas pri precipe porjunula sporto kaj tiu generacio, ĉefe en nia faka federacio plej senteble mankas – parte, kaŭze de la nova strukturo en la fervoja medio! Redukton de la personaro oni solvas prefere per neanstataŭigo de la emeritaro.

De kie do preni novadeptojn junajn en nia faka movado? Aldone jam ne estas sekreto, ke eĉ la junularo ĝenerale iom pli reteneme skiumadas! Kaŭzas la pli kaj pli altiĝantaj kostoj kaj la apenaŭ eviteblaj akcidentoj! Nun oni allogas varbcele la lernejan junularon kvazaŭ senpage, por iel certigi la "estontan frekvencon". Nome, kiu ne kutimiĝas al tiu sporto en la junaĝo apenaŭ plu "startos" poste, pripensante la jam menciitajn sekurecon kaj la kostojn. Ja vere daŭre okazas gravaj akcidentoj kaj la necesa asekurado pli kaj pli akriĝas! Loĝante en turisma regiono oni despli spertas tion.

Kion do fari en nia movado? Ĉu nenion plu? Ĉefas la demando, ĉu la federacia vivo limiĝu al la ĉiujara kongreso? Ĉu tio sufiĉos por nia oldiĝanta membraro? Subtenindan „respondon“ provis doni nia ŝatata Vicĉefkomitatanino de IFEF, Rodica TODOR! Lastjare ŝi proponis ankoraŭ programon laŭ "IFES", konsiderante unuopajn skiantojn. Nostalgie ni konsciu, ke estis eventuale la lasta tiusenca IFES!

Ĉi-jare ne partoprenis veraj skiemuloj – 28 el 4 landoj - tial la programo adaptiĝis al - dume jam diskutita „VIFES“ (Vintra Internacia Fervojista Esperanto-Semajno)! Anstataŭe okazis sleda konkuro, kiun ni partoprenis plennombre kun vera amuziĝo! La 1-an premion – pokalon de la urbestro de Arnold-

stein, Erich KESSLER, gajnis la fama loka duopo, s-inoj Rodica TODOR kaj Cristina ALDESIU! Aspektis tiel, ke iel ni daŭrigis la antaŭtagan karnavalan balon, kie de komence regis gaja kaj surpriza etoso. Buntaj kostumoj kaj admirindaj ideoj! Estis malfacile aprobi la premiojn. Elstaris grupo "La familio Flintstones", kiun prezentis la triopo: Gabriela kaj Alexandru TIBULEAC "geedza paro" kaj Cristina ALDESIU "kato"!

Ili kune akceptis pokalon de la AFEF-Sekcio Arnoldstein, transdonita de la raportanto. Same la futbalon "EURO-08", gajnis Rodica TODOR,

Verdire ne pasis sensurpriza tago kaj tial ni unuanime „baptis“ tiun ĉi semajnon „SIFES“ (Surpriza Internacia Fervojista Esperanto-Semajno). Por detale priskribi ĉiujn okazintajn eventojn/ surprizojn devus stari la tuta Bulteno je dispono.

Plej grava evento estis la surprize longa kaj atentoplena akcepto en la fervoja direkcio flanke de la direktoro, Ionel DICU. Liajn publikefikajn proponojn ni nepre provu kune realigi!

Alia profunda surprizo estis la vizito de la moderne rekonstruita monaĥejo "Brâncoveanu" en Sâmbãta de Sus. Tie vivas 79-jara denaske blinda monaĥo, Teofil PARAIANU, kiu siatempe lernis Esperanton brajle kaj ĉiupaske preĝas el la esperanta biblio. Li regas 8 lingvojn kaj verkis 31 librojn ĉefe en la rumana! La titolo de la lasta estas „Pensu bele“! Propramane li transdonis al ni ĉiuj ekzempleron donace! Ne eblas "ne pensi bele" tuŝinte tiun ĉi eksterordinaran homon! Man-enmane ni iris kun li tra la tuta monaĥeja teritorio. Li rakontis afable la tutan historion, priskribis diversajn eventojn, konstruaĵojn ktp. Foje pli ni devis konstati, ke blinduloj vidas pli ol ni vidantoj! En la grandega biblioteko kun pli ol 70.000 volumoj, li benis nin unuope. Kaj jen „deviga“ fino de mia raporto.

Tamen mi ne povas preterlasi finajn demandojn: Kiel reagos nia IFEF entute? Kaj ĉu nia Vicĉefkomitatanino ne havas ankoraŭ rezervajn surprizojn? Ĉu ne ree sekvu Rodica al Rodica?

*Martin Stuppnig*

AFEF-Vicprezidanto

(mastuppnig@gmx.at)

# Papa Trajno "Totus Tuus"

Ekde junio 2006 sur la fervoja linio liganta Wadowice kaj Krakôw veturas regule speciala trajno, ununura en Pollando kaj en la mondo.Tio estas "Papa Trajno" - donaco de polaj fervojistoj pro pontifiko de la papo Johano Paŭlo la dua. Ĝi trafikas tra lokoj precipe proksimaj kaj karaj al la Papo: el Kraków tra la sanktejo de Dia Mizerikordo krakova kvartalo Łagiewniki, pilgrimloko kaj pasiona sanktuario en Kalwaria Zebrzydowska ĝis la urbo Wadowice.



Dum la vojagoj, kiu daŭras 73 minutojn, prezentataj estas fragmentoj de paroladoj kaj homilioj de la Papo kaj filmoj rememorantaj. Liajn pilgrimojn. En la vagonaro troviĝas fotogalerio, dediĉita al la Papo Johano Paŭlo la Dua.

Dank' al kameraoj instalitaj interne kaj ekstere de la trajno ankŭ estas emisiataj vidaĵoj de la lokoj, tra kiuj la trajno veturas. La vagonaro estas ekipita per 152 oportunaj foteloj kaj 8 lokoj por handikapuloj, kaj multmediaj instalaĵoj ebligantaj projekciadon de filmaj materialoj en multaj lingvoj.

Ĉiu vojaĝanto ricevas memorbileton kun porokaza stampo. La biletoj estas aĉeteblaj en specialaj kasoj. Oni ankaŭ povas mendi ilin per Interreto.

La bileto validas dum la tuta tago, kio ebligas fari paŭzojn dum la veturo por viziti lokojn situantajn sur la "Papa Trako" kaj kontinui vojaĝon per sekva trajno.

La fervojbiletoj kostas:

- por grupo de 10 personoj, po 9,50 PLN tien, 16,00 PLN tien kaj reen por unu persono.
- Por unu persono 11,50 PLN por la vojaĝo tien, 18.00 PLN por tien kaj reen.



Veturplano kaj aliaj informoj pri la eksterordinara trajno troviĝas en retpaĝo: www.pociag-papieski.pl

*Kaiwarià ZsbrzyîJawsia*

# Hilaire Happi-Fosso ne plu estas inter ni




Hilaire Happi-Fosso, multe konata kaj amata de ĉiuj, ĉefe ĉe la fervojistoj sed ankaŭ ĉe la nefervojistaj esperantistoj, forpasis la 26-an de februaro 2008. Abrupta malsano forprenis lian vivon kaj ordonis lian transpaŝon for de nia surtera homvivado.

Kiam ni eksciis pri tiu horora okazintaĵo, ni ĉiuj estis ŝokitaj. Ĝis nun Hilaire vivis gaje, humure, rideme. Eĉ lia bona sanstato respeguliĝis en lia korpo. Tamen abomena sciigo atingis niajn orelojn, niajn korojn.

"***Nia amiko Hilaire ne plu estas inter ni***". Oni ne plu vidos lin dum niaj naciaj aŭ internaciaj kongresoj. Oni ne plu renkontos lin okaze de niaj Zamenhof-festoj, kie li sperte funkciigis sonizadon plezurigantan la publikon. Oni ne plu aŭdos liajn bruegajn ridegojn, oni ne plu spektos liajn amikajn gestojn al kunuloj. Oni ne plu...neniam vidos lin . Nun vakuo staras antaŭ ni.

Hilaire naskiĝis la 4-an de aŭgusto 1942 en Kameruno. Post baza kaj duagrada lernadoj en Douala, li ankaŭ en Kameruno frekventis altlernejon pri elektroniko kaj telekomuniko. Sekve, Hilaire transiris afrikan kontinenton al Francio. Tie, li profesie laboris ĉe la firmaoThomson kiel supera teknikisto. Poste, dum dudek kvin jaroj li estris ĉe la radioelsendo RTL kiel ĉefa responsulo pri bontenado de la sonekipaĵo.

En 1970, Hilaire renkontiĝis kun ĉarma virino Denise, sia venonta edzino. Denise, jam esperantistino, baldaŭ ensemis esperantan grajnon ĉe sia kunulo, kiu, rapide iĝis membro de nia asocio.

Post religia ceremonio en Parizo, la korpo de Hilaire estis transportita en sian denaskan landon. Tie, post dutaga rita honora ceremonio surbaze de katolika religio, Hilaire nun ripozas en la ĉefa familia enterigejo.

*Je la nomo de F.F.E.A kaj de liaj geamikoj,*
*ni kondolencas al lia edzino Denise*
*kaj familio.*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
***60-a eldonjaro***

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Morillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "

# BLAGO PRI FESTA PAROLADO

Okaze de festo por honori doktoron *Zamenhof*, Johano, la gvidanto de la loka klubo, faris belan festo-paroladon. Li preparis ĝin dum pluraj semajnoj, kaj, post la parolado, li rikoltis multan aplaŭdon.

Petro, unu el la klubanoj, poste, diris al la klubo-gvidanto: "Tio vere estis grandioza parolado, Johano. Mi sincere gratulas vin".

"Dankon, Petro, pro via gratulo", diris Johano, "ĉu ĝi plaĉis al vi? "

"Ho jes, multe, eĉ tre multe", respondis Petro; "sed mi ne volas kaŝi al vi, ke mi havas libron, en kiu troviĝas ĉiu vorto de via parolado".

"Ho", ekkriis Johano, kiu videble iĝis ofendita pro la paroloj de Petro, "montru al mi tiun libron!"

"Jen", diris la blagema Petro ridetante, kaj montris al Johano la "Plenan Vortaron de Esperanto".

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*